12-a jaro. — N-ros 8-9 (138-139) AUG.-SEPT. 1926.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY. Fr. SCHOOFS. Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF. J. VAN LAERE. Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11
ANTVERPENO

Redaktoro : M. JAUMOTTE.
Konstantaj kunlaborantoj : M. BOEREN. L. COGEN. W. DE SCHUTTER. S-ino L. FAES H. PETIAU. F-ino R. SPIRA. F-ino J. VAN BOCKEL. J. VAN SCHOOR. H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU. St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 10.—
EKSTERLANDE : Fr. sv. 2.50
ANTVERPENO
1926

KIAL KOMPLIKI VIAN LABORON?...

*Konfesu ke*

la transformo de vortoj en " signojn", kaj poste reprodukto de tiuj samaj " signoj" denove en vortojn

*estas duobla laboro*

kaj vi komprenos jam, kial la

# DICTAPHONE

**estas la senpera metodo por diktado de la korespondaĵoj.**

Petu la broŝuron:

" L'HOMME D'AFFAIRES AU BUREAU "

(La aferisto en la oficejo)

— Senpaga alsendo —

## ROBERT CLAESEN

Fako : ES

**20, rue Neuve,** **BRUSELO.**

Tel. : 106,82

Fabricado kaj riparado de ĉiuj MUZIKILOJ el ligno kajel kupro uzataj en harmonioj kaj fanfaroj.



# DE PRINS FILOJ

Leĝe registrita

Liveranto al la Armeo kaj al la Konservatorio de Antverpeno.

LAMOREJO:

Lammekensstraat, 60, BORGERHOUT-ANTVERPENO

Telefono: 325.78.

Specialaĵo: langetoj kaj bekoj por klarnetoj kaj saksofonoj.

Ĉiuspecaj violonoj.

Vendo kaj aĉeto de malnovaj violonoj kaj de aliaj muzikiloj.

KIE AĈETI PLEJ BONE MALKARE KAJ FIDINDE OL ĈE LA BONEKONATA FIRMO

## V. Vloebergh

Juvelfabrikanto kaj horloĝisto

**Rue du Serment, 17 - Malines**

Speciala laborejo por riparado

(113)

## „PLUMET„

*La plej bona el la digestigaj likvoroj*

ĈIE AĈETEBLA

Distilejo de bongustaj likvoroj LE PLUMET

*Place St Bavon, 14. St Baafsplein*

**GAND - GENT**

(102)

# Heroldo de Esperanto

Ĉiusemajna gazeto

Prezo por Belgujo : Fr. 1.20 por ĉiu numero.

Abonu ĉe *Belga Esperanto-Instituto*, Antverpeno. (Postĉeko 1689.58).

# Nederlandsche

# Gist- & Spiritusfabriek

**(Nederlanda Fabriko de Fermento kaj Alkoholo)**

ANONIMA SOCIETO

Societa Sidejo: **DELFT (Nederlando)**

Fabrikejo: **BRUGES-BASSINS** (Belgujo)

Filioj: **BRUSELO kaj HUY** (Belgujo)

## Produktaĵoj:

Reĝa Fermento

Alkoholo kaj Brando

Eldistilaj Rekrementoj

**Fako "Fermento kaj Rekrementoj": Bruges-Bassins**
**Fako "Alkoholo kaj Brando": 378, Av. Van Volxem, Bruselo**

**Telefono:** Bruges N° 8 & 908, Bruxell. BR. 8338, Huy N° 40 **Telegr.:** Bruxelles, Bruges, Huy "Gistfabriek"

(104)

S. D.

12a JARO. N-ros 8-9 (138-139) AUG.-SEPT. 1926.


# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*



| Redakcia parto: | Abonoj kaj Monsendoj |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | FERN MATHIEUX |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | 94, Avenue Bel-Air, Uccle |
| Telefono 543 74 | Poŝtĉeko No 39984. |


*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## LA DEK-OKA.

Antverpeno, Vendredan, 30an de Julio.

Antaŭ mia foriro, mi renkontis nian bonan samideanon Schoofs, kiu diris al mi: «Mi supozas, ke vi estos la sola Belgo en la kongreso. Vi do estos la tuta belga Delegitaro. Ne forgesu, ke la tutmonda Esperantistaro havos la okulojn sur vin. Do estu tute deca. Restu ĝentila, ne metu pli ol unu fingron samtempe en vian nazon, k. t. p.» Mi promesis. Poste, li diris: «Do, ĉar vi estas obeema, rekompence mi donas al vi la permeson sendi ĉiutage detalan raporton pri via vojaĝo.» Plorante mi dankis lin pro lia granda boneco; mi ĉirkaŭbrakis lin kaj mi foriris.

Nun mi estas sur la bela ŝipo «Malines» de la Harwich-Linio. Mi rapidas por vidi mian kajuton. Tute bone: mia liteto kuŝas ĉe fenestreto kaj estas supre; tiamaniere mi ne ricevos la malsekajn atestajojn de marmalsano de mia najbaro. Mi supren rapidas: la ŝipo majeste forglitas de la bordo kaj turniĝas. Pasante antaŭ Antverpeno, ni rigardas la kajojn ĉe kiuj kuŝas multaj vaporŝipoj forirontaj al la kvar anguloj de la mondo; ni admiras la belegan «Belgenland» kaj la mast-arbaron videblan en la basenoj. Kaj mi iom fieras pri nia bela haveno. Sed la katedralo malgrandiĝas, ni estas for.

Trumpeto sonas: la vespermanĝo estas preta. Dum la manĝado la nokto venas iom post iom. Nun la boato iras rapide. Ni preterpasas, unu post alia, multe da komercŝipoj; ni renkontas aliajn. Kia movado sur la Skeldo! Plene noktiĝis dum oni vidas daŭre lumiletojn blankajn, ruĝajn, verdajn. La riverego estas tre sinua kaj mi opinias, ke la ŝipestro ne devas esti trinkemulo, por trovi sian vojon en tiu ĉi labirinto. — Sur la ferdeko mi fumas mian pipon. Ni pasas Terneuzen, poste Vlissingen je la dudektria. Ni estas surmare. Mi enlitiĝu!

La lito estas nu liteto. Kiam mi kuŝas en ĝi, mi konstatas, ke mia kapo tuŝas la antaŭan mureton, miaj piedoj la malantaŭan (Tute komprenebla! (N. d. l. R.) Feliĉe, ke mi ne estas pli granda. La boato iomete rulas. Ĝi min lulas, kaj baldaŭ mi dormas.

Harwich, Sabaton ,31an de Julio.

Je la kvina, mi vekiĝas. La ŝipo glitas malrapide. Mi rigardas tra la fenestreto kaj ... kion mi vidas?... Verdajn herbejojn, vilaĝon ruĝtegmentan, preĝejon kun kvarangula turo: ni alvenas en Harwich. Tuj mi min vestas kaj fermas mian valizon. Baldaŭ mi metas la piedojn (ĉu samtempe? N. d. l. R.) sur la Anglan teron. La unua vizaĝo estas tiu de policisto, la dua tiu de doganisto, la tria tiu de pasportisto. Severe: «Kion vi faros tie ĉi?» Ĝentile: «Ĉeesti Esperantistan kongreson». — Vizaĝo heliĝas: «Eniru!»

Post ioma atendado, mi eniras la vagonaron. Mi vojaĝas en 3a klaso, ĉar tie ĉi nur la nobeluloj kaj la riĉeguloj veturas en unua. La dua klaso plej ofte ne ekzistas. La tria estas sufiĉe komforta: kusenoj kaj eĉ manĝvagono, al kiu mi tuj iras. «Breakfast, Sir?» — «Yes!» — Mi ne scias, ĉu vi konas la anglan matenmanĝon. Por tiuj, kiuj ne konas, mi diros: Kafon, aŭ teon kompreneble, oni trinkas ;kun tio oni manĝas «porridge»(avengriaĵo), poste «kippers» (fiŝoj fumaĵitaj aŭ rostitaj), poste «eggs and bacon» (ovoj kun lardo), poste «marmelade» (oranĝa marmelado), ĉio kun pano kaj butero. Post tio oni vere ne plu malsatas, ĉu vi ne kredas?

Dum tiu «breakfast» la vagonaro rapidas tra la kamparo en kiu oni vidas precipe herbejojn kaj multnombrajn arbojn. La lando estas iom malebena. Mi trapasas tiel vilaĝetojn kiuj ĉiuj,kun sia kvarangula preĝeja turo, similas unu la alian. En Ely mi vidas mirindan katedralon, unu el la plej antikvaj kaj plej interesaj el la lando. Post kelkaj minutoj mi transiras en alian vagonaron por trafi la ekspresvagonaron, kiu min kondukos al Skotlando. Kaj tiu ĉi vagonareto estas... tro eta ,kaj mi devas stari, kun miaj valizoj en la pakaĵ-veturilo.

Feliĉe, ke tio ne daŭras pli ol dek minutoj. Sed nun mi devas kuri kun miaj valizoj, por kapti la ekspreson, kiu jam estas tiel plena kiel ovo. Kaj mi ne plu bedaŭras, havi miajn valizojn, ĉar mi aranĝis ilin kiel benkon, en la koridoro, kaj mi dormetas... En York mi vekiĝas: multe da vojaĝantoj forlasas la vagonaron, kaj mi povas komforte sidi.

La vetero, kiu ĝis nun estis griza, iĝas tute bela. Ni trapasas Durham, kie mi povas admiri alian belan katedralon kaj malnovan fortikan kastelon. — Ni atingas la nigran landon: Newcastle kaj ĝiajn karbominejojn. Ni sekvas la marbordon sur la alta krutaĵo. La maro estas profunde blua, la suno brilas, la vidaĵo estas tute mirinda. Tiam: herbejoj en kiuj paŝtiĝas bovoj, ŝafoj, porkoj..., promesantaj ŝatindajn manĝaĵojn! La dometoj estas ŝtonaj kaj la tegmentoj ardezaj. Forlasinte la maron ni venas en la «Firth of Forth» kaj baldaŭ ni estos en Edinburgo.

La vagonaro venas en profundan fosaĵon. Altaj domoj staras laŭlonge de la fervojo. Granda stacidomo. Halto. Edinburgo!

Mi iras el la vagonaro, la kruroj iom rompitaj. La provizoran akceptejon en la stacidomo, laŭprograme promesitan ,mi ne vidas. Jen, sur

afiŝeto mi legas: «Al la Akceptejo». — Mi sekvas la montritan direkton. La vojo terure supreniras, ĉar la fervojo estas tute malsupre, en la valo, kaj la akceptejo supre, ne malproksime de la kastelo! Mi ŝvitas; la vetero estas ankoraŭ varma, malgraŭ tio, ke estas la duono de la deknaŭa. Baldaŭ: akceptejo, unua etaĝo, sekretariejo, granda koverto, multaj, paperoj, helpema gvidanto, tramveturilo, pensionejo.

Kiam mi mendis mian loĝadon, mi legis en la informaro la vorton «pensionejo»; mi certe tradukis tion per la franca «pension (de famille)» kaj ne per «pensionnat». Tamen estas en tiu ĉi loko, ke mi estas loĝonta. Kvinope ni estas en granda ĉambro, dividita en ĉambretoj per muretoj. Lito sufiĉe bona.

Mi rapide manĝas, kaj eliras por ekvidi la urbon. Sur la trotuaro mi renkontas ĉehosolvakan samideanon. Ni interkonatiĝas kaj ekpromenas. Ni laŭiras Princess Street, kiu estas la akso de la urbo kaj sekvas la valon en kiu kuŝas la fervojo. Ĝardenoj malsupreniras ĝis la fervojo kaj abrupte resupreniras je la alia flanko, ĝis la kastelo, kiu estas ĉirkaŭita per muregoj. En la ĝardeno popolamaso aŭskultas koncerton. Pli malproksime multege da personoj ĉirkaŭas grandan flor-horloĝon. Estas baldaŭ la naŭa kaj la horloĝo sonoras kiel kokolhorloĝo. Daŭrigante la promenadon laŭ Princess Street, ni supreniras «Carlton Hill», monteto sur kiu staras monumento al Admiralo Nelson, kaj de kie oni havas belegan vidajon super la urbo. Ĉe la alia flanko oni vidas la havenon Leith ĉe la Firth of Forth, pli fore la skotajn montetojn. Ni revenas al la pensionejo, kaj enlitiĝas. Estas la dudeka.

Edinburgo, Dimanĉon, 1-an de Aŭgusto.

Je la sepa mi jam leviĝis, ĉar la matenmanĝon oni devas ĉeesti je la 8a akurate. Post la manĝo, vizito al la akceptejo. Oni iom interbabilas, kaj je la 9a kaj duono, la geesperantistoj rapidas al la antikva katedralo Sta Ĝiles, en kiu okazos la Diservo Mi neniam ĉeestis servon de la Reformita Rito. Tre interesis min, vidi kian grandan parton prenas la ĉeestantaro en la soleno. Ĉiuj kantas kune la himnojn. Kiam mi rigardis tiun ĉestantaron, alvenintan el la kvar anguloj de la mondo, el 40 malsamaj landoj, mi miris... kaj mi pensas, ke antaŭ tia spektaklo eĉ la plej freneza kontraŭbatalanto de nia movado konfesos, ke tamen estas granda ideo en ĝi.

Post la diservo, speciala tramveturilo kondukis nin ĝis la Zoologia Ĝardeno, kie mi tuj iris vidi, ĉu vere

Elefant' la granda besto
Ne loĝas en birdeta nesto,

post kio mi vizitis la ĝardenon. Ĝi posedas kolekton de belaj kaj multaj bestoj, sed la ĝardeno ne estas tiel bela, kiel la Antverpena. La vegetaĵaro kreskas libere, senzorge; oni trovas eĉ terpomkampon en ĝi! Ni restis tie ĝis la 3a, ripozante sub la arboj kaj admirante la ĉirkaŭvidaĵon. Poste ni tramveturis tra la urbo, laŭ la dokoj de Leith ĝis Portobella, kuŝanta sur la marbordo, kie la Edinburganoj pasigas liber-

tempon kuŝante sur la sablo aŭ sur apogseĝoj aŭ banante en la maro.

En Edinburgo la tramoj estas bonegaj por vizitado de la urbo: ili havas etaĝon kun benkoj.

Vespere, ni aŭdis kongresan koncerton. Rimarkinde estas, ke en Britujo ĉio okazas akurathore. La prez. de la koncerto, S-ro Merchant, veninte 5 minutojn tro malfrue, sin senkulpigis. Tamen li estis akceptata per hora kantado de la ĉeestantaro:

« Li estas bonegulo,
« Li estas bonegulo,
« Li estas bonegulo,
« Ni ĉiuj konsentas... »

laŭ muziko de «Malbrouck». Poste mi aŭdis, ke tiu kanto estas la batalkrio de la B. E. A. — La programo de la koncerto estis humorplena: S-ron Harrison Hill, muzikan gvidanton de la kongreso, ni ekkonis ĉi tie; li estas amuza homo kaj tre lerta ludisto de pianoforto. Li ludis, ekzemple, tute komunan muziketon kaj poste demandis : «Laŭ kies maniero mi ludos tion?» kaj laŭ la respondo li reludis laŭ stilo de Bach, de Chopin, de Haendel, k. t. p. Post ĉiu programnumero, la prezidanto diris: «Ni do kantos la Non... el la Kantaro... kaj la tuta ĉeestantaro ekkantis...» — Oni vere povus nomi la Dek-okan, la horkantadkongreso!

LUNDON, 2an de Aŭgusto.

Tiun ĉi tagon okazas la solena malferma kunsido, kiun malfermas S-ro MERCHANT, Prezidanto de la Brita Esperanto-Asocio. Li transdonas la prezidon al S-ro PAGE, Prezidanto de la Loka Organiza Komitato.

Magistraro FERGUS HARRIS, je la nomo de la Edinburga Urbestraro, salutas la kongreson kaj dankas ĝin por la honoro farita al sia urbo. Jam de longe li aŭdis pri Esperanto kaj observis la grandajn progresojn de la lingvo en praktika kampo.

S-ro PAGE salutas la ĉeestantojn el kiuj multaj bravis la maron por viziti Skotlandon. Li honoras la memoron de la samideanoj mortintaj dum la pasinta jaro. Venante al Edinburgo, la kongresanoj vidis la belajojn de la lando, sed en tiuj ĉi belajoj ili povis ekvidi multe da ruinigitaj dometoj. Kion tio signifas? Tio montras, ke la vivkondiĉoj estas akregaj en tiu lando, kiu ne povas nutri sian loĝantaron, kaj ke multe da junaj skotoj devas forlasi sian patrolandon kaj elmigri. Dank'al la duraj vivkondiĉoj, la skotoj estas ŝparemaj, laboremaj; tiamaniere ili ofte sukcesas eksterlande. La parolanto nomas aron de famuloj en ĉiuj landoj, en kies vejnoj fluis skota sango, ekzemple la germanan filozofon Kant, la bonekonatan muzikkomponiston Grieg, eĉ la faman francan aktoron Molière, k. t. p. Hejme ankaŭ multaj estas la skotoj, kiuj iĝis famuloj. La Edinburga Universitato, ekzemple, nur en la kuracista fako, donis al la homaro la antisepsion, genian eltrovon de Lister, kaj la uzadon de hloroformo kiel sendolorigilo. Rilate al la demando pri inter-

nacia lingvo, du skotoj jam de longe laboris samtempe pri tiu ideo. La skotoj estas grandaj patriotoj; ili fieras pri sia patrolando. Tamen la vera patrujamo neniam degeneras en ŝovinismon, kiu ĉiam detruas, kaj neniam konstruas. Finante, S-ro Page memoras la skotan poeton Burns, kiu prikantis la belan tagon, kiam la tuta homaro estos frate unuigita.

S-ro KREUZ, en nomo de la Internacia Centra Komitato, per kortuŝaj vortoj salutas la Prezidanton Privat, kiu, pro grava malsano, ne povas ĉeesti. Estas la unua fojo, depost la morto de D-ro Zamenhof, kiun anstataŭis D-ro Privat tiel bone kiel propra filo, ke la Universala Kongreso okazas sen li, kaj Universala Kongreso sen lia ĉeesto al plej multaj sajnas ne esti la vera kongreso .Tamen multe da laboro nin atendas. En la lasta jaro multaj celoj estis atingitaj. Tri fortoj puŝas nin antaŭen: la konvinko, la fervoro, la solidareco. Tio estas la fundamento de nia agado, konstruita tiel solide, kiel la Edinburga Kastelo, kiu nin superestas, kaj tiu fundamento kondukos nin al la fina venko.

Post tiu parolado, sekvas paroladaro de la oficialaj reprezentantoj. Mi ne volas fari pri ili longan raporton. Mi nur memoras pri la vortoj de la Nederlanda reprezentanta, kiu diris: Venante al Edinburgo, mi trapasis York. En tiu urbo oni povas vidi la unuan lokomotivon sur kiu George Stephenson faris siajn provojn. Dum la konstruado de tiu ilo, lia patrino diris al li: «It will never go!» Tamen, kiam la eltrovinto antaŭenigis sian fajrobeston, la patrino ekkriis: «It will never stop!»... kaj la samo okazas rilate al Esperanto: ĝi moviĝas, ĝi neniam haltos.

Tagmeze, S-ro Page invitis al intima festeno la naciajn delegitojn, kiun ĉeestis ankaŭ S-ro Drummond Shiels, parlamentano, kaj S-ro Fergus Harris, ĉefmagistratano.

Vespere okazis akcepto de la urba Estraro. Tiun solenaĵon plialtigis bela koncerta programo. La urbestro afable akceptis ĉiun kongresanon kaj premis lian manon. Poste oni malfermis la pordojn de ejo, nomita «buffet», vorto tuj komprenata de ĉiuj ĉeestantoj, ĉar iom poste la kongresanoj akceptis la inviton de la malfermitaj pordoj, kaj montris kontentigan lertecon kaj viglecon. Signo de bona sano!

Mardon, 3an de Aŭg.

En New College okazis, matene, la laborkunsido de la kongreso. Ĝin prezidis S-ro PAGE.

S-ro BOVET (Genève) donas interesajn klarigojn pri eksperimentoj rilate al instruado de Esperanto en lernejoj. La ĉefa malhelpo por enkonduko de Esperanto en la lernejojn estas, ke la programoj estas jam tro ŝarĝitaj. Estas malfacile trovi tempon por enkonduki novan fakon. Tial la Instituto J. J. Rousseau el Genève, proponas, ke dum unu jaro, Esperanto anstataŭus la unuan fremdan lingvon( ekzemple en Genève, oni petis la anstataŭon de Germana lingvo).La faktojn, kiujn oni trovis dum tiu eksperimento, kondukis al la sekvanta konkludo: La enkonduko de Esperanto estas tre profitebla por la lernado de aliaj fremdaj ling-

voj. Tiamaniere, la infanoj ne perdis tempon, ĉar ili havas plifaciligon por lerni aliajn fremdajn lingvojn. Post tiu unua jaro, reaperus la fremda lingvo, sed Esp. restus en la programo por la instruado de iu alia instrufako, kaj oni pensas, ke geografio estus la fako, kiun oni plej bone povus intrui per Esperanto; ĝi ebligas enkondukon de korespondado inter infanoj de diversaj lingvoteritorioj.

Dua eksperimento interesas ĉiujn instruantojn de nia lingvo. La celo estas mezuri la progresojn de la lernantoj. Kiel oni scias, ĉie la nuna pedagogio estas interesata pri tiu demando. En Usono precipe oni jam multe pri tio okupiĝis. La problemo estas grava, kaj multaj geinstruistoj ne scias, ĉu ili laboras vane aŭ ĉu iu rezulto estas konstatebla. Oni trovis diversajn «testojn» tre simplajn, per kiuj oni povis fiksi rapide la gradon de progresado akirita de la lernantoj. Prof. Bovet petas ke la geinstruistoj sin turnu al Instituto J. J. Rousseau, Genève, por peti informojn kaj ricevi formulojn uzotajn.

Post interesa diskutado inter diversaj kongresanoj, S-ro Page dankas Profesoron Bovet. Li ne dubas, ke dank'al la subteno de la I. C. K. kaj de la tuta eseprantistaro, la plano de Instituto J. J.Rousseau plene sukcesos.

S-ro ELLERSIEK, el Berlino informas la kongreson pri la rezulto de la eksperimenta kurso farita al plenkreskuloj, je la iniciato de la firmo Mosse, Berlino. La kurso enhavis 14 lecionojn; 52 personoj komencis la kurson, 18 faris la finan ekzamenon. De la 4a leciono oni ekskluzive uzis Esperanton. La 4 plej bonaj laŭreatoj (S-ino Herrnstadt - Oettingen, F-inoj Joachim, Stiller, Moemke), ricevis premion : kongresvojaĝo al Edinburgo. Antaŭ la tuta kongresanaro tiuj novaj samideanoj montris sian perfektecon en la lingvo.

Laŭ propono de S-ro Prof. BUJWID, la kongreso esprimas sian dankon al la firmo Mosse.

S-ro J. D. APPLEBAUM, el Liverpool, raportas pri simila eksperimento kun pli junaj lernantoj en la Federacio de Lancashire kaj Sheshire; Li prezentas la plej bonan lerninton, S-ron M. Fish, el Clitheroe, kiun li prezentas al la kongreso kaj kiu tuj parolis en flua Esperanto.

Post diversaj salutparoloj de fakaj societoj, S-ro Paĝe fermas la kunsidon. (1)

Merkredon, 4an de Aŭgusto.

Merkredon vespere ni aŭskultis ĥoran koncerton kantitan de «Glasgavo Orfeo Ĥoristaro». Mi jam kelkfoje aŭdis famajn ĥorojn el Belgujo kaj eksterlandajn, sed neniam mi havis tian fortan, grandiozan impreson. La voĉoj estis tiel belaj kaj tiel lerte kondukitaj ,ke al mi ŝajnis aŭskulti iun miraklan orgenon, ludatan de iu Supera Majstro. La sukceso estis grandega kaj plene meritita.

---

(1) Oficiala raporto detala pri ĉiuj kunsidoj aperis en «Esperanto» No 8/9.

Jaŭdon, 5an de Aŭgusto.

Tiu tago estis tute dediĉita al la kutima kongres-ekskurso, kiu ebligas kelkan ripozon kaj plian interkonatiĝon kun alilandaj samideanoj. La ekskurso estis vagonare al Gourock, poste ŝipe al la pentrindaj fjordoj de Clyde.

Vendredon, 6an de Aŭgusto.

Okazis posttagmeze oratora konkurso kaj vespere la Internacia Balo en fee aranĝita «Palais de Danse». Sendube la balo estis internacia, sed tamen, niaj skotaj amikoj donis al ĝi, same kiel al la tuta kongreso, sian specialan skotan stampon. Kun la kunlaboro de la sakfajfistoj oni dancis multajn naciajn dancojn tre interesajn.

La kongreso estas karakterizita per tio, ke en ĉiu aranĝo ni vidis aŭ aŭskultis ion nur videblan aŭ aŭskulteblan en Skotlando. Kaj pro tio ni devas danki la Lokan Kongresan Komitaton, ke la Dek-oka sukcesis doni al ni tian neelviŝeblan impreson de forta Skota vivo.

Sabaton, 7an de Aŭgusto.

S-ro PAGE prezidas la ferman kunsidon de la kongreso, kiu aŭskultas legadon de saluttelegramo, sendita de S-ro D-ro E. Privat.

S-ro WARDEN, ĝen, sekr., raportas pri la konsisto de la kongresanaro, kiu estas :960 personoj el 36 landoj.

S-ro CARLOS DOMINGUES, ĵus alveninta reprezentanto de la Brazila Registaro, elokvente salutas la kongreson, kiu varme dankas tiun novan samideanon, pri kiu S-ro Page diris, ke li estas unu el la plej bonaj ekzemploj pri la facileco de Esperanto.

Poste la kongreso aŭdas la diversajn raportojn, presitaj en aparta broŝureto, nome de:

Internacia Centra Komitato,
Konstanta Reprezentantaro,
Universala Esperanto-Asocio,
Akademio kaj Lingva Komitato,
Organiza Komitato por la Zamenhofa Monumento,
Komisiono por la traduko de la Biblio.

Je la fino de ĉi tiu lasta kunsido estis esprimitaj de diversaj oratoroj la bone meritítajn dankojn de la tuta kongresanaro, al organizintoj, al gastama urbo Edinburgo kaj ĝia magistrato, al I. C. K., al profesoroj de la 2a Somera Universitato, k. c.

En sia fina parolado, S-ro Page insistas pri la neceseco konstante apliki Esperanton por praktikaj celoj. Li alvokas al intensa daŭrigo de nia laboro, kiu estas laboro por civilizacio kaj por la bono de la homaro.

La kongreso finiĝis per kantado de nia himno.

* * *

Laŭ la ekzemplo de la antaŭa Kongreso en Genève, la tuta kongresprogramo estis interplektita per prelegoj de la Internacia Somera Uni-

versitato, kiu duan fojon estis grandioza elmontro de la praktikebleco de nia lingvo por sciencaj temoj. Funkciis en Edinburgo Fakultatoj de Medicino, Scienco, Lingvistiko, Folkloro kaj Internacia Juro. Al ĉiuj kunlaborantoj en tiu institucio la tuta Esperantistaro ŝuldas grandan dankon, pro ilia efika laboro.

D-ro P. KEMPENEERS.

# 15-a KONGRESO DE LA BELGAJ ESPERANTISTOJ

**La Panne — Pentekosto 1926.**

**Ĉiujara Raporto pri la Belga Festorganiza Klubo.**

Estimataj Geamikoj kaj Gesamklubanoj.

Mia raporto pri la unua jara agado de nia Belga Festorganiza Klubo povos esti mallonga. La nombro de la Geklubanoj pligrandiĝis nur je du personoj: S-ro Vermuyten, la bonega Antverpena drama artisto kaj S-ro De Ketelaere.

Al la geklubanoj mi sendis antaŭ kelkaj semajnoj cirkuleron en kiu mi klarigis, ke jam de Oktobro lasta, mi ekkomunikis kun la estraro de la grupo de La Panne por scii kiaspeca festo estus donebla kaj ke nur de Pasko mi eksciis ke tiu festo devus havi tutspecialan karakteron de «balo kun interludoj». Mi ekpetis la partoprenon de niaj klubaj kantistinoj kaj gedeklamantoj, sed unue la rezultato estis sufiĉe senkuraĝiga: unu rifuzon post la alia mi ricevis! Tiam mi turnis min al nia bonega kaj ĉiam helpema samideanino kaj samblubanino, Fraŭlino Thooris kaj ŝi promesis firme la kunlaboradon de Fraŭlinoj Alice Boereboom kaj Maria Dotselaere kaj de S-ro Dotselaere por la kantado kaj de Fraŭlino Alice Victoor kaj S-ro Charles Poupeye por la deklamado.

Tiuj kunlaboradoj kune kun «La Virino» ludota de S-roj Vermuyten kaj De Ketelaere kaj la franclingvaj deklamaĵoj de S-ro Namlet, la brusela aktoro, varbita de la La Panne'aj amikoj sufiĉas mi supozas por tre dece kaj kontentige «ornami» la balon kaj admirigi kaj estimigi nian lingvan kantatan kaj deklamatan. Dum momento estis ankaŭ parolate pri la ludado kaj dancado de baleto verkita de mia edzino, sed lokaj malfacilaĵoj tion malhelpis. — Ŝajnas do, ke la unua partoprenado de nia klubo al Esperanta festo estos sufiĉe ŝatinda: Vi juĝos pri tio hodiaŭ vespere!

La klubestro-raportanto: L. COGEN.

N. B. Lasthore estis sciigate, ke la «Virino» ne estus ludota ĉar tro longa, sed ke S-ro Vermuyten estus deklamonta kelkajn malgrandajn tekstojn.

Mian plej varman dankon mi diras per la pero de «Belga Esperantisto» al ĉiuj antaŭe cititaj geklubanoj, kiuj efektive partoprenis en la festo-balo, ĉu kantinte ĉu deklaminte.

La klubestro: L. COGEN.

# ! KONKURSO !

«Belga Esperantisto» organizas konkurson kun premioj por belaj tradukoj de konataj popolkantoj.

La unua kanto tradukota estas: «Où peut-on être mieux!» — «Waar kan men beter zijn!» la en tuta Belgujo konata kanto de Grétry.

La tradukoj devas esti sendataj antaŭ la 31a de Decembro 1926 al nia Direktoro, Antverpeno, en koverto kun ekstera surskribo : **Popolkanta Konkurso No 1.**

# AKCEPTO DE ESPERANTO.

## Stenografia antaŭ-kongreso en Luksemburgo.

Kiel la legantoj de B. E. scias, via servanto, kiel vic-prezidanto de la Internacia Asocio de la Esperantistoj-Stenografistoj, klopodis, per artikolaro en «La Revue Sténographique belge», por starigi Esperantan sekcion en la 13-a Universala Kongreso de Stenografio, kiu okazos en Bruselo dum 1927a.

Antaŭ-kongreso prepara kunvenis en urbo Luksemburgo, 6-9 Aŭg. 1926, kaj kunigis la membrojn de la Internacia Komitato de Stenogr. Via servanto partoprenis por defendi la diritan sekcion.

Raporti pri ĉiuj kunsidoj estus stenografia kaj ne Esperanta afero. Mi do nur diros, ke Sabate la 7an de Aŭg., dum la matena kunsido estis decidita la partopreno de Esperanto en la venontjara Brusela Kongreso. La subskribanto estis preparinta belan, dokumentoplenan, elokventan pledparoladon, kiun li elparolis... ne, ĉar **la batalo estis de antaŭe gajnita!** Efektive, S-ro Georges Buisson, prez. de la intern. kom. de Stenogr., S-roj Vuylsteke kaj De Baerdemaecker, vic-prezid. kaj Ĝen. sekr. de la Brusela organiza Komitato, S-roj Montenez, Godet, k. c. estis jam tute partianoj de la starigo de la sekcio, kaj kiam oni ekpriparolis la koncernan punkton, la demando estis nur: kie loki Esperanton en la tri antaŭviditaj sekcioj de la Kongreso. Post mallonga diskutado estis decidite loki nian lingvon en la 3a sekcio, kun la pedagogio kaj historio, kaj la ĉeestantoj akceptis tiun decidon unuanime krom tri voĉoj.

Mi spertis kaj povos certigi, ke la stenografiaj kongresoj egalvaloras la Esperantajn je vidpunkto de l'laboremo, de la ekskursoj kaj de la agrabla kunestado! Nu, karaj legantoj, vi interesiĝu al la mallongiga skribo kaj partoprenu la Bruselan kongreson, kiu estos io vere eksterordinara, grandioza, belega, amuziga!

L. COGEN.

## NACIA MONKOLEKTO POR LA SUBAKVIGITOJ.

### Tria listo de la Belgaj Esperantistoj.

| | | |
|---|---|---|
| Justin Gaul, Borgerhout | fr. | 10.— |
| Liera Grupo Esperantista | fr. | 32.25 |
| Genta Grupo Esperantista (2a pago) | fr. | 63.— |
| Familio Bas, Bruselo | fr. | 20.— |
| | fr. | 125.25 |
| Antaŭaj listoj | fr. | 428.— |
| | fr. | 553.25 |

# PAROLADO

DE

## PROFESORO PAUL NYSSENS

**ĉe la XVa Belga Esperanta Kongreso**

**La Panne, 23an de Majo 1926.**

---

Karaj gesamideanoj !

Mi do estas parolonta al vi pri entuziasmo ! Eble vi pensas : « Kial tiu samideano pretendas priparoli entuziasmon ? Li ja ŝajnas esti sufiĉe trankvila ! »

Sed atentu ! Estas du specoj de entuziasmo. La unua estas impulsa, senbrida, eksplodanta, eksteraperiĝa, sed ofte nedaŭra. La dua estas malpli montriĝa, sed pli profunda kaj nepasonta.

La dua estas la mia.

Jam de pli ol dek aŭ dekkvin jaroj mi estis interesiĝinta pri Esperanto. Sed tre malrapida mi estis por alpaŝi de intereso al ago. Bonŝanco igis min ĉeesti la internacian parizan kongreson, en majo de la lasta jaro. Tie naskiĝis mia entuziasmo, kaj ĝi de tiam iom post iom kreskadis. Mi estas certa, ke ĝi tiom longe daŭros, kiom mi estos vivanta !

Nu, mi estis lernanta per mi mem diligente, dum miaj tro mallongaj libertempaj momentoj, sed mia lernado ne jam estas finita. Verŝajne mi faris kelkajn erarojn. Bonvolu pardoni al mi. Mi bone scias, ke entuziasmo pligrandiĝas per agado. Mi tion poste klarigos al vi. Paroli publike estas maniero de agado. Ĉar mi nepre volas pligrandigi en mi entuziasmon, mi diris al mi mem : « Vi devas paroli ĉe la kongreso, ĉu vi kapablas aŭ ne ». Kaj jen, mi estas parolanta !

Kia ajn estas ĝia speco, entuziasmo estas bonega.

Entuziasmo estas la fajro, kiu ekboligas la akvon en la vaporkaldronego de la homa

maŝino. La figuro, se estas ĝusta, eble ne estas tre poezia. Pardonu min ! Mi estas inĝeniero ; kaj, kiel vi scias, inĝenieroj ĝenerale estas praktikaj homoj sed ne poetoj. Ili en ĉio ekvidas maŝinon !

Alivorte, entuziasmo ekscitas, intensigas, pligrandigas ĉiujn niajn kapablojn, fortojn kaj povojn.

Per entuziasmo nia koro batadas pli forte, nia sango rondfluas pli rapide kaj pli multkvante en niaj arterioj, niaj pulmoj dilatas pli vaste ; pli da oksigeno estas sorbata de la ruĝaj globetoj de nia sango, kunportante en ĉiujn partojn de nia korpo kaj cerbo energion kaj viglecon.

Ĉu ne estas dezirinde, ke ni kulturu kaj pligrandigu entuziasmon en ni mem? Certe tio utilos samtempe por nia propra sukceso en la vivo, kaj por la sukceso de nia kara Esperanta propagando.

Kaj tio povas esti farata. Mi konas kion mi priparolas. De pli ol dudek jaroj mi estis helpanta miajn multnombrajn lernantojn kulturi en si mem entuziasmon, same kiel ĉiujn ajn homajn kapablojn.

Mi estas priskribonta al vi kelkajn rimedojn, kiel ekzemploj, por kulturi entuziasmon.

Unua rimedo estas **agi**. Dormanta akvo estas nek efika nek entuziasmiga. Ni do agu ĉiufoje kiam ni havas okazon. Ni plie serĉu kaj trovu okazojn por agi ; ni eĉ mem kreu ilin. Agado stimulas la sangfluon, vigligas la cerbajn centrojn, kaj precipe la entuziasman centron.

Dua rimedo estas kuncentrigi nian tutan atenton en kion ni faras, ĉu ni plenumas nian ĉiutagan oficon, ĉu ni parolas, ĉu ni dediĉas nin al plezura arto, ĉu ni ludas tenison, k. t. p. Tio estas ankaŭ rimedo por iĝi spertaj kaj kapablaj en ĉio ajn kion ni faras. Kaj, kompreneble, kiam ni fariĝas superaj en iu agado, aŭ ofico, aŭ sporto, ni ĝin ŝatas kaj amas ; ni pri ĝi entuziasmiĝas !

Tria rimedo estas enmeti energion en kion ajn ni faras. Same kiel entuziasmo igas nin pli energiaj, energio ekbruligas entuziasmon.

Kvara rimedo estas enmeti nian tutan koron kaj animon en ĉion ajn kion ni faras. Se ni ne havus koron kaj animon, ni evidente ne povus ekentuziasmiĝi. La entuziasma homo estas tiu, kiu havas bonan koron kaj grandan animon !

Resume: agi, kuncentrigi nian atenton, enmeti energion en niajn agojn, parolojn, pensojn, sentojn, liberigi la aspirojn de nia koro kaj animo, tio estas la certa rimedo por naskigi kaj plejgrandigi en ni mem entuziasmon.

Mi parolis ĝenerale kaj koncize. Mi deziras nun doni al vi konkretan ekzemplon.

Estas tre utile, ke ni havu objekton indan estigi nian entuziasmon. Tiun objekton ni havas; vi ĝin bone konas; ĝi estas nia kara lingvo, kaj nia movado por ĝin universaligi.

Ni povas samtempe kulturi entuziasmon en ni mem kaj utili al nia movado. Jen kiel !

Kiam ni parolas, ĉu publike, ĉu aparte, ni zorge prononcu tre klare, korekte, energie. Ni ĉiuj ŝatas nian lingvon, kaj ni konsideras ĝin bela same kiel bona. Permesu, ke mi atentigu vin pri la jeno:

Esperanto estas samtempe belsona kiel la sudaj lingvoj kaj energia kiel la nordaj. Ni do prononcu la konsonojn energie, kaj la vokalojn belsone, same kiel bona elparolisto aŭ kantisto elparolas sian nacian lingvon.

Se ni tion faros, la ĉeestantaj neesperantistoj diros :

« Kiu estas tiu belsona, energia, klara, belega lingvo ? »

Kaj tio estos, mi estas certa, efikega propagando por nia afero, kaj tiele, plimultnombraj adeptoj estos varbitaj.

Ĉar mi vidas kaj sentas, ke vi min bonvole kaj afable aŭskultas, mi ion diros pli ol mi intencis.

Estas utile kaj necese por la progreso de nia movado, ke oni faru kursojn, parolajn, korespondajn kaj per T. S. F., por la instruado de nia lingvo.

Mi pensas, ke estus ankaŭ tre utile fari kursojn pri korekta elparolado kaj parolarto.

Jen estas interesa laboro por la samideanoj, kiuj havas tempon, kapablecon, kaj kiuj deziras kulturi entuziasmon en si mem kaj en aliaj. Instruante oni fariĝas instruisto.

En tiuj lernejoj oni estus edukonta bonajn vendistojn, interpretistojn, paroladistojn, oratorojn, propagandistojn, instruistojn, k. t. p.

Mi ĉiam miris, kial oni ne pli ĝenerale instruas la parolarton en la publikaj lernejoj (*)

---

(*) Ĵus presigonta tiujn ĉi foliojn, mi ekvidis en la franca revuo « Mon bureau » de Junio 1926 artikoleton titolitan « La sukcesa parolado ». Jen ĝia traduko :

Nuntempe oni tre ŝatas la zorgadon pri dentoj, manoj, piedoj, korpo, kaj la ĝeneralan fizikan kulturon. Tamen oni devas bedaŭrinde konstati, ke oni ne zorgas pri la parolkapablo, kiu estas unu el la plej gravaj iloj de nia intelekta vivo. Ĝi ebligas nin, ĉiumomente klare esprimi niajn proprajn ideojn kaj la akiritajn konojn.

La arto bone paroli estas necesa al komercanto, kiu ĉiutage bezonas esti kapabla persvadi la publikon.

Tiun fakton oni estas rekoninta en Germanujo. La Politeknika Lernejo en Charlottenburg jam de longe starigis instruan seĝon pri la arto bone paroli.

Eĉ en la leĝosciencaj fakoj de niaj universitatoj, ne ekzistas kursoj pri parolarto. Ni havas advokatojn, profesorojn, tiel nomitajn paroladistojn, politikistojn, kaj eĉ ministrojn, kiuj neniam lernis la parolarton. Kaj ili ĉiuj krome ignoras multajn aliajn konojn kaj praktikajn artojn, kiujn ili devus koni, dum ili konas multe da aferoj, kiujn ili tute ne bezonas. Ĉu estas mirinde, ke la publikaj kaj apartaj aferoj ne estas tre efike administrataj ?

Ni ne imitu tiun gravan mankon de la publika instruado. Kaj ni penadu por esti plejefikecaj en ĉiuj niaj laboroj kaj klopodoj.

La parolsciopovo estas potenca kapablo, kiun ni devus pli larĝe kaj efike uzi por nia propagando.

Ĉar ni estas certaj, ke Esperanto iam poste estos la universale uzata helplingvo, tempo venos, kiam estos granda bezono kaj peto de tiaj instruistoj, kaj jen nova profesio por tiuj, kiuj sin estos preparintaj.

La bezono ekzistos en la naciaj landoj, kie la monŝanĝo estas, tiel dirite, favora, same kiel en aliaj landoj, kaj tial la nova profesio estos bone pagata.

Inteligentaj, saĝaj, kapablaj, bonvolaj homoj kunvenas ofte en Genevo. Ili intencas pli bone organizi la internacian vivon kaj pacigi la mondon. Kaj ili malrapide sed efike laboras por tiu celo.

Kelkaj el ili antaŭ nelonge kunvenis en Locarno kaj pretendis, ke ili parolas la eŭropan lingvon. Ni ne bezonas eŭropan lingvon, tutmondan lingvon ni bezonas. Kaj ĝi ekzistas, sed bedaŭrinde ili ĝin ne konas.

Kiam ili kunvenas, ili sin trovas en la sama malbena situacio, kiel la Hebreoj, ĉe la Babelturo, punitaj de Dio per la donaco de mil aŭ pli diversaj lingvoj !

Tiuj eminentuloj ankaŭ devus reiri en la lernejon. Ili ege bezonas la internacian helplingvon. Kaj eĉ se ili ne deziras, ili iam estos devigataj, vole-nevole, reeklerni.

Ŝajnas al mi ke, lernante Esperanton, oni fariĝas pli inteligenta. Almenaŭ de kiam mi komencis tiun lernadon mi rimarkas, ke mia pensado fariĝas pli klara, pli trankvila, pli efikeca. Mi antaŭĝojegas, estante iam pli malfrue verkonta en Esperanto.

Finonte mian paroladeton, mi ĝojos se vi bonvolos pripensi la ideojn, kiujn mi mallongavorte esprimis al vi pri la kulturo de entuziasmo kaj aliaj homaj sukcesnaskantaj kapabloj.

Mi ankoraŭ pli ĝojos, se vi, aplikante tiujn rimedojn, pligrandigos vian entuziasmon.

Kaj, fine finante, mi deziras al vi, per la kulturo de entuziasmo en vi mem, ĉiam kreskantan sukceson en viaj propraj entreprenoj, same kiel en viaj klopodoj favore por nia komuna sankta movado.



# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — LA VERDA STELO. — Dum la monatoj Junio kaj Julio la grupo sukcese daŭrigis la organizadon de agrablaj sabataj kunvenoj. La 19an de Junio, paroladis S-ro Jaumotte pri pokalo Gordon-Bennett kaj aerveturado. Li rakontis la historion de la pokalo kaj raportis la okazintaĵojn de la lasta konkurso, kiu okazis tiun-ĉi jaron en Antverpeno.

La 26an, okazis «burleska parlamento». La leĝpropono temis pri imposto sur la fraŭloj. Kompreneble, tiu propono kaŭzis viglan interdiskutadon de la parlamentanoj. Precipe la «maldekstra flanko» kiu kontraŭstaris la leĝon, entuziasme defendis siajn argumentojn kaj de ambaŭ flankoj, la trafaj rimarkoj forsprucis kiel fajrsagoj! Finfine, laŭ la ekzemplo de ĉiu parlamento, kiu sin respektas, nia «burleska» decidis post renversiĝo de la registaro prokrasti la aferon ĝis sekvonta kunsido!

La aŭdigo de muzikaĵoj kaj deklamaĵoj multe agrabligis la vesperon de la 3a de Julio.

La 10an, S-ro De Ketelaere paroladis pri la libro «Stranga Heredaĵo» de J. H. Luycken. Li konigis al la membroj la enhavon de tiu verko, faris interesajn rimarkojn pri ĝi kaj finis antaŭlegante kelkajn belajn fragmentojn. La prezidanto, kiu dankis la parolinton, esprimis ankaŭ la deziron, ke oni daŭrigu, de tempo al tempo, konigi per malgrandaj paroladoj, la plej rimarkindajn verkojn el la esperanta literaturo.

Dum la ĝenerala kunveno de la 17a, estis prezentita al la ĉeestantoj rusa samideano, Sinjoro Kuznezov, kiu tre interese rakontis pri siaj vojaĝoj tra Siberio, Japanujo, Peruo, k. c. Inter aliaj, li havis la okazon viziti Japanajn samideanojn, kiujn li ekkonis kiel fervoraj kaj veraj esperantistoj laŭ la plej larĝa kaj nobla senco de l'vorto. Cetere, S-ro Kusnezov faris honoron al la afableco kaj sindonemo de la esperantistoj ĉiulandaj kaj finigis sian paroladeton per entuziasma «Vivu nia kara esperanto!»

La grupo organizis ankaŭ tri ekskursojn dimanĉe, kiuj ĉiuj laŭdezire sukcesis. La 20an de Junio, la Verd'stelanoj vizitis la amikojn en Lokeren kaj tie renkontiĝis kun samideanoj el Sint-Niklaas, Mechelen kaj Gent. La posttagmezon, oni iris al Overmeire, kie oni pasigis agrablan tempon sur la lagbordo. La ekskursintoj ankaŭ longe rememoros la aŭtobuset-veturadon, kiu certe estis unu el la plej gajigaj punktoj de la programo!

Sub la sperta gvidado de amiko Vermuyten, la membroj ekskursis la 4an al Wechel-der-Zande kaj la 25-an al Emblehem kaj Lier.

Dank'al al la afabla kunhelpo de la suno, la beleco de la vizititaj lokoj kaj la gaja humoro de la esperantistoj mem, oni ĝuis bonegan tagon.

ANTVERPENA POLICA GRUPO ESPERANTISTA. — En sia ĝenerala kunveno de Julio, tiu grupo, kiu senlace daŭrigas sian propagan-



Antverpeno. — «Polica Grupo Esperantista»

Kursoj 1924-25 kaj 1925-26 (Fotografis: Van der Aa.)

don inter la Antverpena policistaro, rezervis specialan dankvesperon al la profesoroj de siaj du lastaj kursoj, S-roj Fr. Schoofs kaj W. De Schutter, al kiuj la lernantoj donacis belan Esperanto-insignon. Kun la permeso de la Urbestro, la grupo sin fotografigis sur la ŝtuparo de la Muzeo de Bel-Artoj. Ni havas la plezuron prezenti en ĉi tiu numero represon de tiu bela portreto.

Ni sincere gratulas niajn policajn samideanojn pro sia bonega laborado, kiun lerte gvidas niaj sindonaj amikoj Derweduwen, prezidanto, kaj G. Zwaenepoel, sekretario.

---

URBAJ OFICIALAJ VESPERKURSOJ DE ESPERANTO — En junio okazis la unua ekzameno de la lernantoj de la duajaraj, perfektigaj kursoj organizitaj de la urbo. Al tiu ekzameno sin prezentis 21 kandididatoj el kiuj 20 ricevis la diplomon (1 ne ĉeestis la parolan ekzamenon); 9 akiris la 90/100 de la poentoj, 2 la 85/100, 6 la 75/100, 3 la 65ŝ00. Jen la nomoj de la diplomitoj: S-roj W. Bruynooghe, J. Cats, S-ino J. De Waegenaere, S-roj A. Lodema, A. Posenaer, N. Rabau, F. Roelants, J. Roelant, J. Rombouts, L. Rombouts, L. Valengé, J. Van Cleemput, F-ino M. Van der Mast, S-ro J. van Kerckhove, F-ino I. Van Ganse, S-roj E. Van Steertegem, J. Van Tiggel, M. Van Tiggel, F-ino I. Verhoeven, S-ro A. Vets, al kiuj ni prezentas niajn sincerajn gratulojn, despli ke inter ili ni renkontas la nomojn de kelkaj samideanojn konatajn jam de multaj jaroj en la Antverpena movado. La Antverpena Poresperanto Propaganda Komitato festis la laŭreatojn dum Koncerto, kiun ĝi organizis la 24an de Julio en la salono «Centraal Schouwburg» okaze de la 2a datreveno de la fondo de nomita komitato .La diversaj kant-, deklam- kaj muziknumeroj de la programmo estis bonege plenumitaj de F-ino Alida Verstraeten, S-roj F. Van Kerkhoven, G. Jennart, J. Calis, X., kaj de la membroj de la socialista grupo «Nia Ideo».

Inter la du partoj de la koncerto, okazis festkunsido, dum kiu la prezidanto insisitis pri la graveco de la okazantaĵo, kaj pri la granda rolo, kiun ludas kaj ludos A. p. p. K. en movado en nia urbo, en la lando kaj eĉ en la tuta mondo. Li dankis la ĉeestantajn membrojn el la juĝantaro de la ekzameno, inter kiuj S-ro Verschueren, ĉefinspektoro de la urba instruado, kiu tiam disdonis la diplomojn al la laŭreatoj.

Post bonega parolado de S-ro A. Neŭzil, lernejestro el Olomouc-Neredin (Ĉehoslovakujo), trapasanta Antverpenon sur vojo al Edinburgo, S-ro Verschueren alparolis la multnombran ĉeestantaron. Li konfirmis la grandan simpation, kiun la Antverpena Urbestraro ĉiam montris al Esperanto. Per fajra parolado li alte taksas la signifon de nia movado, dank'al kiu iam, per la enkonduko de unu ĝenerala lingvo, ĉiuj homoj pensos kaj sentos sammaniere. Kiel reprezentanto de la Urbestraro kaj en sia persona nomo li promesis, ke la Esperanta lingvo penetros en la lernejon, kaj ke proksiman jaron ĝi staros sur la lernoplano de la 4a gradaj lernejo. Fine li instigis la nov-diplomitojn al energia propagando por nia lingvo.

Varma aplaŭdado salutis la parolojn de la Ĉefinspektoro.

Tiun saman vesperon estis inaŭgurita flago de A. p. p. K., kiun bonkore faris kaj donacis S-ro de Kervyn, kies aperon sur la scenejo dankaplaŭdis la tuta ĉeestantaro. Je la fino de la vespero S-ro Van Sitteren, prezidanto de la socialista grupo «Nia Ago» dankis S-ron Jacobs, prez. de A. p. p. K., pro lia laboro por Esperanto. Ĉi tiu, kortuŝita, redankis kaj kun larmoj en la okuloj li metis florgarbon, al li donacitan, antaŭ la bildon de nia Majstro.

---

KURSOJ DE LA GRUPO «LA VERDA STELO» kaj de la «KOMITATO POR INTERNACIA KOMERCA LINGVO». — La 11an de Septembro la du suprenomitaj grupoj organizis en la bela salono de «Café Suisse» bone sukcesintan feston je la honoro de la lernintoj, kiuj akiris diplomon en iliaj lastaj ekzamenoj. La kunlaborantoj en la koncerto, F-inoj E. De Wagenaere, M. Jacobs, J. Van Bockel kaj S-roj Boeren, W. De Schutter, François kaj N. Van Winge, plej zorge prezentis siajn diversajn programerojn. Meze de la muzika parto S-ro Morris De Ketelaere ,anstataŭante S-ron V. Gossiaux, Prez. de la Antverpena Kom. por Int. Kom. Lingvo, kiun malhelpis profesiaj devoj ĉeesti la kunvenon, mallonge skizis la fondon kaj la agadon de tiu Komitato. Li gratulis la laŭreatojn de la du okazintaj ekzamenoj kaj varme instigis ilin al la praktikado de la lingvo kaj al partopreno en nia loka, nacia kaj internacia movado, per aliĝo al nia granda Liga grupo «La Verda Stelo» kaj al «U. E. A.».

Raporto pri la kursoj kaj ekzamenoj de A. K. p. I. K. L. estis legita de S-ro G. Vermandere, Sekretario kaj la diplomoj disdonitaj al la sukcesintoj.

S-ro Schoofs, Prezidanto de «La Verda Stelo», faris paroladon kaj speciale dankis sian kolegon De Ketelaere, kiu sin igas meritplena per kursgvida kaj propaganda laborado. Li gratulis la diplomitojn kaj dankis la diversajn profesorojn, F-ino C. De Buyser, S-roj M. Boeren, W. De Schutter, H. Vermuyten kaj J. Van Schoor, pro ilia senprofita sindonemo al nia afero. Poste F-ino Jeanne Van Bockel, sekretariino, prezentis la raporton pri la ekzameno de la lastsomeraj kursoj, kaj la estraro disdonis la atestojn al la laŭreatoj. Je la nomo de la lernintoj S-ro Ch. Mann kore dankis la profesorojn kaj promesis la kunlaboron de la novaj samideanoj en la propaganda agado de la grupo.

La finon de la vespero, pasigis la ĉeestantoj dancante. En plej gaja kaj intima atmosfero daŭris la festo ĝis noktomezo.

Jen la nomoj de la diplomitoj:

EKZAMENOJ DE ANTVERPENA KOMITATO POR INT. KOMERCA LINGVO: 90/100 de la poentoj: S-ro Ch. Van der Veken, F-ino Rosa Spira, S-ro N. Van Winge, F-inoj M. Jacobs, Germ. Van der Veken, S-ro E. Marneffe; 80/100: F-ino Gab. V. d. Veken, S-roj R. Goyvaerts,F. Manderveld, P. Flameng, F-inoj M. Bergmans,Y.V.d.Veken, S-roj De Bie,

J. Gaul, F-inoj Fl. Hayman, Mel. Rollier, S-ro A. Verbinnen; 70/100: S-roj Fr. Caus, A. De Munck, Jos. Bille, H. Van Steenbergen; 60/100: F-ino Luc. Van de Vorde, S-roj Arm. Fischer, Fl. Chevalier, Fr. Van de Straete.

---

EKZAMENO DE «LA VERDA STELO». — 90/100: S-roj L. Wassenaer, Ch. Mann; 80/100: S-roj M. Schnitzler, S. Borisewitz, S. Ruebner, R. Dodson, J. Kooyman, N. Gnat, Van Mechelen, R. Vlaeymans; 60/100: S-roj Everaerts, Van Mieghem.

---

LA LABORISTA POPOLA UNIVERSITATO kaj LA OFICISTA SINDIKATO DE KOMERCO KAJ INDUSTRIO, en siaj programoj por la venonta vintro, anoncas la organizon de Esperanto-kurso. En la unua gvidas la kurson nia malnova samideano Em. Willekens, en la dua: S-ro Morris De Ketelaere.

---

La programoj disdonitaj dum la solena disdonado de premioj al la lernantoj de la malsuperaj urbaj lernejoj enhavas alvokon al la gepatroj pri la organizo de diversaj profesiaj kursoj, inter kiuj estas citita Esperanto.

BRUĜO. — Kiel la antaŭaj jaroj, la «Bruĝa Grupo Esperantista» partoprenis en la sekvantaro okaze de la «Kolonia Tago», 33 gesamideanoj partoprenis.

Laŭ invito de la urbestraro la loka grupo ankaŭ partoprenis la sekvantaron kiu eliris la 5an de julio okaze de la inaŭguracio de la akvoj de Bock. (25 partoprenis).

Dank'al la klopodoj de F-ino Thooris, Honora Vicprezidantino de la grupo, «La Espero» troviĝas sur la oficiala programo de la sonorilarkoncertoj, kiuj okazas ĉiulunde kaj ĉiumerkrede de la 14a de junio ĝis la 15a de septembro, je la 9a vespere.

Merkredon, 8an de septembro, okazos bela koncerto dum kiu oni aŭdos nian Esperantan himnon, kiu havas la N-on 2 de la programoo.

BRUSELO. — La 7an de junio la grupo havis la plezuron akcepti S-ron Cogen, Vicprezidanto de B. L. E. kiu faris tre dokumentitan paroladon pri «La Reformo de la Kalendaro». Estis la unua fojo, ke la grupo havis gaston en sia sidejo kaj la vespero estis eksterordinare agrabla.

La 21-6-26: F-ino P. Deltombe vizitis la grupon.

La 5-7-26: S-ro inĝeniero M. Somerling, grupmembro, faris paroladon pri «Pontoj» kaj rivelis al la ĉeestantoj multajn interesajn detalojn pri tiuj konstruajoj.

19-7-26: Kroata Samideano, veninta el Vieno, klarigis la gravan sukceson de nia movado en Aŭstrujo, kie ĉefe ĝi apogiĝas sur la «popolaj domoj» kiuj estas oficialaj hejmoj de popolklerigado.

La saman tagon oni havis la viziton de F-ino E. Colyn, Sekretariino de «La Progreso» en Gento.

25-7-26: Kelkaj membroj de «Laboristo Grupo» kaj kelkaj el «Brusela Grupo» kondukis tra la muzeo kolonia kaj la belega parko de Tervueren niajn Meĥlenajn Samideanojn.

La grupo preparas siajn unuajn kursojn por venonta oktobro. La bulteno de «Foyer Intellectuel» detale raportas pri nia agado.

MEĤLENO. — La prospektoj disdonitaj de la Urbestraro pri la instruado oficiala ankaŭ citas la kurson de Esperanto, kiun organizas nia loka grupa ĉiun Merkredon vespere en la lernejo, Louisastraat.

NINOVE. — Jam de kelkaj semajnoj S-ro L. Cogen instruas nian lingvon al la direktorino de la Mezgrada lernejo por junulinoj kaj al unu el ŝiaj instruistinoj, kiuj bone progresas kaj esprimas sian miron pri simpleco kaj la granda esprimpovo de Esperanto. — Nia samideano ankaŭ organizis en sia studejo ekspozicion de ĉiuj Esperantaĵoj, kiujn li de tridek jaroj kolektis, kaj invitis la ĉefajn intelektulojn el la urbo por viziti ĝin. Kelkaj personoj sin montris tre entuziasmaj. Ĉiuj ricevis aron da propagandiloj.

# DIVERSAJ INFORMOJ.

S-ro MONT. C. BUTLER, sekretario de Brita Esperanto-Asocio, 17 Fart Street, Londono W. C. 1, volonte sendos sian novan kantaron (365 kantoj) al la personoj, kiuj havigos al li N-on 1 de la 4a jarkolekto de «Belga Esperantisto».

STAMPILO «KORESPONDO EN ESPERANTO» estas havebla por Fr. 3,50 (afranke) ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Poŝtĉeko 1689.58. Uzu ĝin sur viaj leteroj kaj leterkovertoj.

DEZIRAS KORESPONDI:

S-ro NIKOLO PETERFY, kalkulisto, Romano-Arad (Rumanujo), Pta Imperatul Traian 1, pri Esperantismo, stenogr., matem., filoz., oklut., toezof., vegetar., spirit., ŝakludo, poŝtmarkoj.

S-ro D-ro JULIO LUKACS, VII, Pillango-u. 13, Budapest, pri diversaj temoj.

S-ro AURELIO DE ROSA, Via Garibaldi 13, Torino (Italujo), interŝanĝas revuojn ĉiuspecajn.

S-ro STEVAN BANJAI, Alexandrova ul. 15, II. sprat., Subotca (S.H.S.), pri p. k.

S-ro JOZEFO Groebel, fondis «Internacia Esperantistan Bildservon» por gazetoj. Kiuj deziras informojn skribu al: Eltzerhofstr., 5, Koblenz (Germanujo).

# GRATULOJ

S-ro Clotaire VANDEVELDE, Ĉefinĝeniero ĉe la Belgaj Fervojoj, prezidanto de la Genta Grupo Esp., komitatano de Belga Ligo Esp., edziĝis kun F-ino Marguerite DE KNEEF, membrino de Genta Grupo.

S-ro A. DROSTE, el Utrecht, edziĝis kun F-ino Ida KIN, anino de «La Verda Stelo».

S-ro Karel LEFLOT, membro de grupo «Liera Stelo», edziĝis kun F-ino Bertha HOYBERGHS.

S-ro Maurice BOEREN, Sekretario de «La Verda Stelo», fianĉiĝis kun F-ino Marguerite LAMBORAY.

Al Ges-roj L. A. DE GREEF-DEBEUL, Charleroi, naskiĝis fileto JEAN-JACQUES.

Al Ges-roj M. SOMERLING-COLIJN, Bruselo, naskiĝis filineto GILBERTE.

S-ino BROYMANS-DE SCHUTTER, direktorino de la Urba Normala Lernejo, unu el la unuaj profesoroj de Esperanto en nia havenurbo Antverpeno, estas nomita Kavaliro en la Ordeno de Leopoldo.

S-ro Em. VINCENT, membro de «La Verda Stelo» kaj granda simpatianto de Esperanto, estas nomita Direktoro de la Mezgrada Lernejo en Bruselo II.

Al ĉiuj «B. E.» prezentas siajn korajn gratulojn pro la feliĉo, kiun la sorto al ili alportas.

# NEKROLOGO.

S-ino Vidvino S. F. JANSSENS-LANDER, patrina de S-ro Theo JANSSENS, membro de «La Verda Stelo», mortis la 9an de Aŭgusto. Al nia funebranta samideano ni prezentas nian sinceran kondolencon.

# XVa BELGA ESPERANTO-KONGRESO.

## LA PANNE, AŬG. 1926.

## NOMARO DE LA PARTOPRENINTOJ.

**EL ANTVERPENO:**

S-ro Vermuyten
S-ro Schoofs
S-ino Schoofs
F-ino Brunin
S-ro Jaumotte
S-ino Jaumotte
F-ino Morrens
F-ino De Waegenaer
F-ino Lacroix
S-ro De Ketelaere
S-ro Champy
S-ro Champy
S-ro Champy
F-no Champy
F-no Champy
S-ro Vermandere
F-no De Buyser
S-ro Van Praet

**EL BRUSELO:**

F-no Jennen
S-ino Obozinski
S-ro Hart
S-ro Somerling
S-ino Somerling
S-ro Hallet
S-ino Hallet
S-ro Kempeneers
S-ro Bas
S-ro Huysman
S-ro La Gravière
S-ro Nyssens
S-ino Hellinckx
S-ino Staes
S-ro Mathieux
S-ino Bollinckx
S-ro Derckx

**EL BRUĜO:**

F-ino Blucke
S-ro Algrain
S-ino Algrain
S-ro Poupeye
S-ro Van den Abeele
F-ino Victoor
S-ro Platteeuw
F-ino Gilleman
F-ino Hallewyn
S-ro Dotselaere
F-ino Dotselaere
F-ino Boereboom
F-ino Thooris

**EL GENTO:**

F-ino Terryn
F-ino Deltombe, Paula
F-ino Deltombe
F-ino Deltombe
S-ro Adam
F-ino Bisschop
Sro Petiau
S-ro De Keukelaere
F-ino De Kneef
S-ro Van de Velde

**EL LA PANNE:**

S-ro De Mailly
S-ro Van Doren
S-ro Tayaert
S-ro De Quecker
S-ro Cornette
F-ino De Bruyker
F-ino Bary
Generalo Frans
F-ino S. D'Haenens
F-ino L. D'Haenens

**EL MEĤLENO:**

S-ro Goovaerts
S-ro De Vleeschouwer
S-ro Van Weydeveldt
S-ro Ardies
S-ro Baesens
S-ro Van Camp
S-ro Talboom
S-ro Verschueren
S-ro Wolfs
F-ino De Meyer

**EL STA NIKLASO:**

S-ro De Boes
S-ro Geerinck
F-ino Poppée
S-ro Van Gendt
S-ino Van Gendt

**EL VERVIERSO:**

S-ro André
S-ro Blause

**EL NINOVE:**

S-ro Cogen
S-ino Cogen

**EL LIEĜO:**

S-ro Delvoie

**EL LIERO:**

S-ro Leflot

**EL OOSTDUINKERKE:**

S-ro Benoit

**EL FRANCUJO:**

S-ro Sergeant
S-ino Sergeant
S-ro Curnelie
S-ino Florin
S-ino Trottin
S-ro Trottin
S-ro Boone
S-ino Boone
S-ino Prevost
F-ino Delerue
S-ro Vanneste
S-ro Waterlo
S-ro Perrin
S-ro Humez
S-ro Humez filo

**EL NEDERLANDO:**

S-ro Roubos
S-ro Bramkamp
S-ino Bramkamp
S-ino Brandenburg

**EL SVISLANDO:**

S-ro Egg
S-ino Egg
S-ro Erne

**EL BRITUJO:**

S-ino Mac Leod

# BIBLIOGRAFIO.

ESPERANTO. — Deklaracio fidela pri la Vero elmontrata laŭ la Sankta Biblia (la neerareblaj Skriboj), kaj ne sama kiel la kredo popolara, kiu multe konsistas el la fabloj, kiujn venontajn la apostolo Paŭlo antaŭdiris. Dua eldono. 52 paĝoj de 12.5 × 18 cm. Senpaga. C. C. Walker, 21 Hendon Road, Sparkhill, Birmingham, Anglujo.

ĜENEVO, SIDEJO DE LA LIGO DE NACIOJ. — 16 paĝa ilustrita gvidlibreto tra Ĝenevo lukse eldonita kun kolorita plano de la urbo. 12 × 18 cm. Publikigita de l'Association des Intérêts de Genève, Place des Bergues, 3.

KONGRESA LIBRO DE LA XVII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. GENEVE 1925. Eldonita en Genève, 12, Boulevard du Théâtre. Enhavanta tri partojn: I. Oficiala Programo. — II. Organiza Statutaro. — III. Oficiala Raportaro. — 108 paĝoj de 16.5 × 12 cm. Prezo: nemontrita.

ESPERANTO COMMERCIAL. — Complément de l'Esperanto en dix leçons. — 12 paĝa kajero litografita. — 18 × 23 cm. Prezo: 1.50 Fr. — Centra Librejo Esperantista, 51 rue de Clichy, Paris (9e). Speciala terminaro kaj ekzercaro komercaj.

A NORMAN CONQUEST. — Comedy in three Acts. — By William Morisson F. B. E. A.

Eldonita de la «British Esperanto Association» (Inc.) 17, Hart Street W. C. 1 London. — 1924. — 16 paĝoj de 11 × 14 cm. — Prezo: 3 pencojn.

Malgranda propaganda komedieto en angla lingvo.

LA URBESTRO DE ZALAMEA. — Dramo en tri aktoj de Calderon de la Barca. — El la hispana tradukis Enrique Legrand. 136 paĝoj de 11,5 × 18 cm. Eldono de la Aŭtoro en Montevideo. 1925, en la presejo de Botella Hermanos, 25 de Mayo 734, Montevideo. Prezo: nemontrita.

Nia bonega samideano, kies tradukistan talenton ni jam konas dank'al lia esperantigo de «Amfitriono» de Molière, pliriĉigis nian teatran bibliotekon per nova perlo, La bela verko de Calderon de la Barca estos plezure legata de ĉiuj Esperantistoj. La versa traduko estas lerte farita, en simpla kaj facile komprenebla lingvo.

SCHLUESSEL ZUM VOLLSTAENDIGEN LEHRBUCH DER WELTHILLSSPRACHE ESPERANTO. — De D-ro A. Möbusz. — Eldonita de la Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 1924. — 5a Eldono 48 paĝoj de 15 × 22 cm. — Prezo: RM. 1.50.

Korektilo de la lernolibro, kiun ni anoncis en nia marta numero, kaj kies noton la leganto bonvolu kompletigi per jenaj tiam forfalintaj preslinioj: Pri la taŭgeco ni ne plu parolos: la fakto, ke la libro atingas jam sian kvinan eldonon estas sufiĉa pruvo.

ESPERANTO UND DER TECHNIKER. — Die Bedeutung der Welthilfssprache Esperanto für den Techniker, ihr Wesen und ihre Ausbreitung dem Weltkriege. — 2. Auflage. — De Eugen Wüster. — Eldonita de la Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin und Dresden. 1924. — 8 paĝoj de 15.5 × 23 cm. — Prezo: RM. 0.20.

DIE «10 VORZUEGE DES IDO GEGENUEBER ESPERANTO» UND 10 ANTWORTEN DAZU. — Von Dr. Paul Haller. — Flugblatt Nr 10. — Sespaĝa flugfolio (15.5 × 26 cm.) eldonita de la Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 1924. Prezo: RM. 0.05.

STRUIKELBLOKJES, EEN KLEINE VERZAMELING MOEILIJKHEDEN BIJ HET VERTALEN IN ESPERANTO door H. C. Mees. — Eldonita de la N. V. Centrale Esperanto Boekhandel, 's Gravenhage 1925. 60 paĝoj de 19.5 × 13.5 cm. Prezo: G. 0.50.

La aŭtoro, kiu estas sperta kaj kompetenta Esperantisto, autaŭe respondis per Nederlanda Esperanto-gazeto al demandoj faritaj de samideanoj, kiuj renkontis malfacilaĵojn tradukante el nacia lingvo en Esperanton. La aŭtoro sisteme grupigis tiujn malfacilaĵojn kaj eldonis ilin en bele aspektanta libreto, kiun ni rekomendas al niaj amikoj en la flandra parto de nia lando.

COURS PRATIQUE D'ESPERANTO. — Granda Esperanta lernolibro: 192 paĝoj de 19.5 × 12.5 cm. Eldonita de la «Librairie Centrale Esperantiste», rue de Clichy, 51, Paris, 9e. — 1925. Prezo: fr. FR. 6.—.

Plena lenolibro por franclingvanoj estas dividita en 15 lecionoj. La ekzerciga materiale estas plej abunda. Le nenomita aŭtoro multe prizorgas la klarigon de la diversaj gramatikaj konceptoj de lingvo. — Plej ĝojiga fakto estas, ke la verkisto energie insistas pri la graveco de la netuŝebleco de la Fundamento, kies sprito saturas la tutan libron. — La antaŭparolon de tiu rekomendinda gramatiko ni jam publikigis en nia numero de Marto-Aprilo 1925 (paĝo 44).

LA LASTA KRAVATO DE ALEKSY de STANISLAW BALINSKI. — El la pola lingvo tradukis Stanislaw Karolczyk. Eldono de la Biblioteko de Pola Ssperantisto. Warszawa 1925. — 24 paĝoj de 12 × 17 cm. Prezo: 50 gr.

ESPERANTO UND SEINE KRITIKER. — W. E. Collinson. — El la angla lingvo tradukita de Prof. Dr. Göhl. Eldonita de la Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. 1924. 16 paĝoj de 15.5 × 23 cm. — Prezo: 0.20 RM.

---

# La Vojaĝoj Vincent

*59. Boulevard Anspach. BRUSELO (Borso). - Tel. 101.77*

Organizas, en ĉiu tempo de l'jaro, vojaĝojn komunajn, apartajn kaj edziĝajn, en ĉiuj landoj

***La Belgaj Aûto-Veturadoj***

per la beleqaj kaj rapidaj ekskurs-aûtomobiloj de la VOJAĜOJ VINCENT

Ekskursoj en la G. Dukl. Luksemburgo, en la valoj de Amblève, Semois, Ourthe, en la ĉirkaŭaĵo de Bruselo.

Petu senpagan alsendon de vojaĝplanoj kaj projektoj. (112)

---

Korespondemaj Esperantistoj aĉetas la

**20**

**Ilustritajn Poŝtkartojn**

(Marko Nels)

de ANTVERPENO

kun teksto kaj klarigo en Esperanto.

---

Prezo afrankita : Fr. 2.20

mendu ĉe:

***"LA VERDA STELO"***

Antverpeno.

Poŝtĉeko: 276.54.

---

*Fabrikejo de Fortepianoj*

**G. Van Bastelaere**

***26, Brusselsche Straat, 26***

***GENTO***

TELEFONO 4275

Vendo — Aĉeto — Interŝanĝo — Agordado - Transporto - Riparo, k.c. de Fortepianoj kaj harmoniumoj.

---

Liveranto al Monahejoj. Edukejoj kaj Societoj.

---

Luksaj kaj ordinaraj fortepianoj. (114)

---

**J. OOSTERLINCK-VAN HERREWEGE**

VENSTERGLAS -- SPIEGELRUITEN

185, Brusselsche Steenweg, LEDEBERG (GENT) (115)

---

**! U. E. A !**

**Cefdelegito por Belgujo :**

***Fr. SCHOOFS, Kleine Hondstraat, ANTVERPENO.***

# V. & L. De Baerdemaecker

GENTO, 25 & 31, rue Fiévé, GENTO

**Ŝipmakleristoj. — Komisiistoj. — Ekspedistoj.**

**Doganaj agentoj. — Enmagazena tenado.**

Agentoj de

**Goole Steam Shipping - London Midland - kaj Scottish Railway C°.**

Du servoj ĉiusemajne } inter **GENTO** kaj **GOOLE** kaj returne.

komunikigantaj kun Centra kaj Norda Anglujo kaj Irlando

**HULL** ***dum la sezono de la fruktoj.***

Grupiga servo al Svislando kaj Italujo, Nord- kaj Orienta parto de Francujo, Germanujo, Holando kaj Balkanoj.

Magazenoj kaj deponejoj akceptitaj de la "Comptoir d'Escompte" de la Nacia Banko.

*Telegr. adreso: DEBAER. — Telefonoj 188 - 92 - 1500 - 1515.*

(108)

# BANQUE DE FLANDRE

ANONIMA SOCIETO EN GENT - FONDITA EN 1847

Deponaj kaj duonmonataj kontoj

Diskonto kaj enkasigo de biloj

Kreditleteroj

Konservado de obligacioj kaj titoloj

Aĉeto kaj vendo de obligacioj

Pruntedono sur obligacioj

Enkasigo de kuponoj

Luigo de monkestoj

ĈIAJ BANKAFEROJ.

(101)

VIZITU BRUGES (BELGUJO)

kaj haltu : arta urbo je 15 Km. de la Norda Maro

# HOTEL DU CORNET D'OR

**2, PLACE SIMON STEVIN**

Sidejo de la Bruĝa Grupo Esperantista.
Centra situacio je 2 minutoj de la Stacidomo.
Tre komfortaj ĉambroj, bonaj manĝajoj, bonaj vinoj kaj tre moderaj prezoj.

*Oni parolas Esperanton.* *English spoken.*

(106) S. D.

# Banque Générale de la Flandre Occidentale

Anonima Societo fondita en 1881

***56, Rue Flamande, 56 — BRUGES — Telefono 89***

Agentejoj en
Blankenberghe, Furnes, Ghistelles, Heyst, Knocke, Nieuport kaj Thourout.

DISKONTO MONŜANĜO

**KREDITKONTOJ**

Pruntedono sur obligacioj kaj ĉiuj valordokumentoj — Depono de Akcioj
Borsmendoj por ĉiuj urboj.

**ANTAŬMENDOJ—REGULIGOJ**

Pago de kuponoj — Eldono de ĉekoj — Kreditleteroj
Aĉeto kaj vendo de fremdaj mono kaj biletoj — Luigo de monkestoj.

(105) S. D.



# Prizorgu jam nun vian aliĝon al U. E. A. por 1927



SAMIDEANOJ! KURAĜIGU ESPERANTISTAJN FIRMOJN!

Por via somera ripozloko apud Marbordo, elektu :

# LE GRAND HOTEL D'OOSTDUINKERKE

(Korespondas per Esperanto. — Parolas Esperante).

AGRABLA RESTADO DUM TUTA JARO

BONAJ MANĜAJOJ. BONAJ VINOJ. TRE MODERAJ PREZOJ.

**Generala agentejo por vendado de Francaj vinoj, oleoj.**
**Skribu al S-ro BENOIT, Grand Hôtel d'Oostduinkerke.**

**El ciuj enspezoj farataj pere de Esperanto, S-ro Benoit dedicos parton de 5 o/o al la propaganda kaso de "Belga Esparantisto".**

(103)

# Belga Manufakturo de Industriaj Produktoj

Societo anonima (Fondita en 1872)

## 18, Rue Neuve, 18 -- LEDEBERG - APUD - GENTO

TELEGRAF-ADRESO: "PERFECTA" GENT

TELEFONO: 635

Dozitaj analiziloj por la uzado de la industriaj akvoj.

Logika purigo per purigaj aparatoj aŭ en kaldronegoj kun aŭ sen aparatoj.

Senpera importado de industriaj oleoj kaj grasoj.

Stupo. Kaŭĉuko. Klapoj. Rimenoj.

Kotonrestaĵoj por purigi maŝinojn.

(107)

# NEW ENGLAND

## RUE AUX VACHES -- GENTO

TELEFOON 618

**Antaŭfaritaj kaj laŭmezuraj vestaĵoj**

(109)

# AU BON GOUT

NOVAJOJ KAJ LANAJOJ
por sinjorinoj
Artikloj el silko kaj veluro

# Edzino De Groote-Van de Velde

## 30, RUE DIGUE DE BRABANT, 30

Specialeco de Negliĝoj
Bluzoj kaj Jupoj

GENTO

(110)